


# REZOLUCIO

La 28a Kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF), okazinta en Skellefteå (Svedio) kun 482 partoprenantoj el 19 landoj, denove

**konstatas,** ke la lingvaj komplikaĵoj en la translimaj internaciaj trafiko kaj turismo same kiel en internaciaj konferencoj kaj kunvenoj neniel malkreskis, sed kontraŭe pliakriĝis, ekzemple pro apliko de aldonaj laborlingvoj en internaciaj organizaĵoj,

**rimarkigas,** ke la fervojaj entreprenoj kiel ankaŭ sindikatoj kaj aliaj organizaĵoj de fervojistoj samsence agas, preferante unuopajn lingvojn de pli potencaj ŝtatoj, spite al evidentaj malavantaĝoj, ekzemple altaj kostoj, tempoperdo, neekzakta tradukado kaj ofta nekompreno,

**akcentas,** ke jam pro pedagogiaj kaj fizikaj kaŭzoj neniu homo kapablas lerni la lingvojn de ĉiuj popoloj, sed ke aliaflanke pro nacia prestiĝo neniuj nacioj pretas apliki la lingvon de nur **unu** popolo,

**aparte atentigas** ĉiujn fervojojn, sindikatojn kaj fervojistajn organizaĵojn, ke **ekzistas unika ebleco ŝpari grandegajn sumojn,** se oni akceptas komunan neŭtralan lingvon facile lerneblan, bone kompreneblan, esprimkapablan **kun egalaj ŝancoj por ĉiuj,** nome la internacian lingvon Esperanto, kaj pro tio

**proponas** al la fervojoj, sindikatoj kaj ĉiuj fervojistaj organizaĵoj plej rapide utiligi al si la eminentajn ekonomiajn avantaĝojn de tia komuna, ĉie aplikebla lingvo,

**deklaras,** ke la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF) pretas helpi, por ke tiu ĉi celo estu atingata kiel eble plej baldaŭ.

Skelleftea en junio 1976. Por la IFEF-prezidantaro

(Giessner)

---

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

**Sekretariejo:** E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
**Redaktoro:** Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
**Bankkonto:** Provinsbanken, konto n-ro 7353-350550 - DK 9800 - Hjørring - DANIO

# PUBLIKAJ KUNSIDOJ ESTRARO/KOMITATO
## 17an kaj 18an de junio 1976

1. **Pr** malfermas. Sekvas Mandatkonstato. Ĉeestas 26 k-anoj (samaj kiel en la unua kunsido).

| Lando | Komitatano | Anstataŭanto | Observanto |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio | Scharf | | |
| | Gössl | | |
| Belgio | De Sutter | | |
| Britio | Curtis | | |
| Bulgario | – | Nikolova | |
| Danio | Thuesen | | |
| Finnlando | Narvala | | |
| Francio | Coyac | | |
| | Robiolle | Lhermitte | |
| | – | Gerard | |
| Germanio | Grass | | |
| | Ritterspach | | |
| | Schrapp | | |
| | Rösemann | | |
| | – | Müller | |
| Hispanio | Gimenez | Navareño | |
| | Devis Pasqual | | |
| Hungario | d-ro Phersy | | |
| | – | Patai | |
| Italio | Gimelli | | |
| Jugoslavio | – | – | Sekereŝ |
| Nederlando | – | Posthumus | van 't Hoog |
| Svislando | Greutert | Hunkeler | |
| Junularo | Werner Heimlich, | Ernst Quietienski | |

Ne reprezentataj estas Ĉeĥoslovakio, Japanio, Jugoslavio, Pollando kaj Rumanio.

(Mallongigoj: Ko = Komitato, k-ano = komitatano, l.a. = landa asocio, Pr = Prezidanto, Vp = Vicprezidanto, Sk = Sekretariino, Ks = Kasisto, Rd = Redaktoro, Ĉk = Ĉef-komitatano, TK = Terminara Komisiono, FK = Fakprelega Komisiono, JS = Junulara Sekcio).

**Pr** laŭtlegas la nomojn de la mortintoj, kiujn la ĉeestantoj honoris starantaj. Estis:

| | |
|---|---|
| Ĉeĥoslovakio: | Z. Nevŝímal, A. Quadrat |
| Francio: | d-ro M. Mollion |
| Germanio: | W. Bulla, W. Becker, L. Keil, K. Jentsch, A Simon, O.H. Winkelhaus |
| Hispanio: | V. Rodriquez |
| Italio: | B. Cenesi, C. Daglio, G. D'Amico |
| Jugoslavio: | B. Nikoliĉ |

| | |
|---|---|
| Nederlando: | W. Biesheuvel, G.E. Tip, T. M. Blaauw, J.B. Goedejohan, D. Blanksma |
| Svislando: | F. Hugi. |

**Pr** aldonas, ke nome de IFEF d-ro Bacskai parolis dum la encindriga ceremonio por la mortinta prof. d-ro Kolocsay.

2. Ricevitaj **telegramoj** kaj **leteroj** estas ekstrakte laŭtlegataj de **Sk**.

3. **Raportoj estraraj**
3.1. de sekretariino } pri ambaŭ neniuj rimarkoj
3.2 de redaktoro }
3.3 de **kasisto**.

Komence kritikas Ĉk la ciferojn liveritajn de la kasisto, precipe la prezenton de kreskinta membronombro kaj konc. enspezojn anstataŭ montri la veran membronombron (komp. nepagitajn kotizojn). Li krome petas klarigojn pri diversaj pozicioj de la jarkalkulo.

**Ks** respondas, ke laŭ opinio de la estraro tiuj membroj, por kiuj ne estis pagitaj la kotizoj ĝis fino 1975, tamen estas membroj. Cetere la plej multaj el tiuj mankintaj kotizoj intertempe venis en la kason. Pro ŝanĝo de la kalkulsistemo devus esti eta deficito anstataŭ profito. La jubilea fonduso ne estas fonduso, sed donacoj de la membraro en la kongreso de Aarhus. En Villach post pritrakto de resp. kongrespropono la proponinto reprenis ĝin kaj la k-o lasis al la estraro la plian utiligon. La estraro poste decidis transi 1500 DKr al la japana fonduso.

**Pr** aldonas, ke "jubilea fonduso" estas malĝusta nocio; temas de komence pri jubilea donacaĵo, pri kiu la estraro komplete rajtas disponi, sen esti ligita al la limigoj en § 25. La intenco de la estraro estas helpi al la japana l.a., por ke en ne tro longa tempo la japanoj povu esti reprezentataj per almenaŭ unu kolego en IFEF-kongreso.

**Ĉk** dubas, ĉu estas en la senco de IFEF, foruzi monon por vojaĝo. Tio provokos similajn postulojn de aliaj komitatanoj el aliaj l.a.

**Pr** denove klarigas, ke temas pri donacaĵo. Kiu ricevas donacaĵon rajtas memstare utiligi ĝin. La estraro kompreneble intencas utiligi ĝin en la intereso de IFEF, ne por subteni vojaĝon, sed por helpi, ke oficiala reprezentanto de JELF povos flugi al Eŭropo, kio sen tiu helpo verŝajne neniam eblus. La fakto, ke multaj membroj jam kontribuis rekte al la japana fonduso pruvas, ke la membraro komprenas kaj subtenas tiun ideon. Certe neniu el ni pretus subteni vojaĝon el eŭropa lando.
Se tamen la k-o opinias, ke la estraro transiris siajn kompetencojn, la estraro pretas redoni la jubilean donacaĵon kaj la k-o decidu pri ĝi. Neniaj pluaj vortanoncoj. Sekvas la voĉdonoj pri la raportoj:

| | |
|---|---|
| a) sekretaria: | akceptita per 26 voĉoj; |
| b) redaktora: | por 23, kontraŭ 3; |
| c) kasista: | por 22, kontraŭ 3, sindetenas 1. |

3.4 **Protokolo Villach**
**Ĉk** kritikas, ke la estraro ne plenumis faritajn decidojn de la k-o kaj eĉ de si mem rilate al la presigo de "Internacia Fervojisto" (forigo de la verda stelo, nerekta dekstra marĝeno kaj kvalito de la papero). La nuna luksa papero kaŭzas plielspezojn de 130 guldenojn je numero.

**Rd** respondas: En Villach oni decidis pri malapero de la verda koloro en la stelo kaj de rekta marĝeno. Tio estas farita. Poste Vp kaj mi elektis en la nederlanda presejo ne luksan, tamen paperon, kiu ne estu pli malbonkvalita ol la antaŭa en Francio. Estas la demando, ĉu la k-o deziras pli malbonkvalitan paperon.

**Vp** konstatas, ke en Villach (prot. II 5) oni ne decidis pri la kvalito de la papero, sed decidis forigi la verdan koloron de la stelo. En Rotterdam Rd kaj mi **devis decidi** pri la papero. El kelkaj specimenoj ni elektis certe ne luksan paperon sed tian, kiu decas al **internacia** Bulteno.
La fakto, ke ni fine elspezis pli da mono ol antaŭvidita, havas alian kialon. Nevan kalkulis 50 guldenojn po horo por enpakado kaj ekspedado. Ĉi rilate, ni jam serĉis kaj trovis solvon, ĉar grupo da esperantistoj en Rotterdam transprenis grandan parton de tiuj laboroj senkoste. La efiko ankoraŭ ne estas videbla en la kalkulo. Ankaŭ la afrank-kostoj kreskegis. Mi krome forsendas parton de la pakaĵoj deĵorpoŝte, kien eblas.

**Pr.** El la dirita oni povas ekkoni, ke la estraro daŭre klopodas plimalaltigi la kostojn. Tamen oni jam nun povas profeti, ke tiuj kostoj plukreskos (ĉiea inflacio). Cetere la papero de nia IF minimume estu tiel bonaspekta, ke en la okuloj de aliaj (fervojoj, sindikatoj ktp) ĝi ne malvalore impresas. Pro tio ni rekomendas konservi almenaŭ la nunan paperkvaliton.

**Ritterspach** (D): La kvalito de la papero forte influas la aspekton de bildoj kaj ofseta papero rapidege suferas sub hela lumo, precipe suno. Rekomendas bonan blankan paperon (ne tian kiel ekz. la germana "Bulteno").

**Ĉk** riproĉas al la estraro, ke ĝi ne plu volas scii ion pri propra decido. (Rim: en estrar-kunveno printempo 75 Ĉk prezentis diversajn ekzemplojn, i.a. kongreslibron de Münster (ofseta papero). Li ankaŭ atentigas al la kongreslibro de Skelleftea, same el ofseta papero. Ankaŭ citas el letero de Pr al Ĉk el aprilo 75 pri tiu afero kaj opinias, ke li mem "perdis la vizaĝon" ĉe s-ro Nevan, ĉar li plektis la unuajn kontaktojn.

**Pr** petas kompari la bildojn en la kongreslibro kaj tiujn en IF kaj certe ne necesas komentario. Poste citas el protokolo de la estrarkunveno de marto 75, laŭ kies teksto tute klare ne estas definitive decidita pri la papero. La reputacio de la Ĉk ĉe Nevan nepre ne suferis, tion ni scias.

**Narvala** (SF) petas ne plu diskuti. Pro la prestiĝo la papero estu bonkvalita.

**Pr** denove substrekas, ke la ekstera aspekto estu prestiĝa. Tamen la estraro pretas, se la k-o postulas tion, estonte apliki ofsetan paperon, sed la k-o devus transpreni la respondecon.
Laŭ demando la k-o malakceptas ofsetan paperon per 3 voĉoj por, 23 kontraŭ.
Voĉdonado pri protokolo Villach: 25 voĉoj por, 1 sindetenas.

4. **Raporto revizoroj**
Ĉar neniu revizoro ĉeestas, **Ks** laŭtlegas ties raporton.
Akceptita per 26 voĉoj unuanime.

5. **Raporto pri komitata laboro**
**Ĉk** telegramstile raportas.

**Pr** dankas. La ampleksa korespondado diversspeca, kiun Ĉk parte (speciale kun Polio) faris nome de la estraro, kaŭzis al li multe da (ofte superflua) laboro, ĉar plej ofte ne venis respondo.

Ĉar Ĉk deklaris sin ne plu reelektebla en 1977, la komitatanoj sufiĉe frue pripensu solvon laŭ § 12 (2) kaj al (2).
Raporto akceptita per 25 voĉoj por, 1 sindeteno.

6. **Resumo** de raportoj landaj asocioj

**Vp** laŭtlegas ĝin (mankis Britio, Bulgario, Japanio, Rumanio).

**Gimelli** (I) petas sendi la jarraportojn al ĉiuj k-anoj kaj l.a.

**Pr** por ŝpari monon, sendi nur al unu adreso po lando.
Akceptita per 25 voĉoj (1 ne ĉeestas).

7. **Laborplano**
7.1 Pri la **skemo** de la jarraportoj ĝenerale ne estas ŝanĝodeziroj.

**Sekereŝ** (YU) La kunlaborantoj de TK en la unuopaj landoj deziras, ke Punkto 18 estu konstanta. TK fiksis 4 punktojn, sendos al la diversaj l.a. pro aldono al pkt 18.

**Ritterspach** En la Fakprelega Komisiono kunlaboro ne bone efikas. Rekomendas starigi en la demandilo la demandon pri la **respondeculo** por FK.

7.2 **Historio** de IFEF
**Pr** Pasintan jaron la planita Historio-Komisiono (HK) definitive formiĝis. Ĝi konsistas el 5 personoj (Giessner (D), Kensing (DK), Labordus (NL), Lemonnier (F) kaj Sredić (YU). Ili elektis inter si gvidanton Giessner, sekretarion Kensing. Kelkaj landoj jam nomumis siajn kunlaborantojn. La aliaj l.a. urĝe estas petataj, tuj anonci kunlaboranton al sekr. (HK). La HK eklaboros laŭ propra laborplano kun la celo, eldoni la planitan historion en la jaro de la 35a jubileo de IFEF.

7.3 **Rezolucio**
La teksto pretas en 4 lingvoj (Esperanto, sveda, franca, germana). Bonvolu vaste utiligi ĝin.

8. **Kontaktkunveno Ateno**
Verŝajne nur malmultaj fervojistoj en UK Ateno. Nenia fakprelego. En Prilep (YU) antaŭkongreso kun ekspozicio. Pri UK 77 Reykjavik (Islando) laŭŝajne granda intereso, sed ankoraŭ nenio direbla.

9. **Rilatoj al aliaj organizaĵoj**
9.1 **FISAIC** ( Internacia Federacio de kulturflegantaj Fervojistoj). Ĝi eldonos festbroŝuron pro sia 25a jubileo. Petis kontribuaĵon flanke de IFEF, kiun verkis Pr, utiligante ankaŭ indikojn de f-ino Lemonnier. La l.a. bv. observi la aferon ĉe siaj propraj FISAIC-sekcioj kaj havigi al si tian broŝuron.
En 1975 mortis la honora prezidanto de FISAIC, d-ro M. Mollion (F). IFEF kondolencis al la vidvino.
La medaliga sistemo de FISAIC ne tute kontentigas. Pr ripetas, ke ni rajtas je 3 medaloj (po 1 ora, arĝenta, bronza) por periodo de 3 jaroj (la momenta = 1975-1977). La administra metodo por la medaltraktado estas tre komplika. Ni skribe petis ilin, laŭeble plisimpligi la aferon. Ĝenerale la kontaktoj estas bonaj.

9.2 **UEA**
**Pr** UEA forte klopodas, sanigi siajn financojn, laŭŝajne sukcesplene. IFEF ĝis nun ne

intencas partopreni en ia kampanjo, ĉar niaj l.a. havigu al si rimedojn el neesperantistaj rondoj (ekz. sindikatoj, fervojoj k.s.) laŭ la propra situacio. Kelkfoje UEA akcentis sian neŭtralecon. IFEF sekvos sian strikte neŭtralan linion. Ne povas esti afero de internacia organizaĵo enmiksi sin en naciajn kutimojn aŭ leĝojn. Aliaflanke naciaj organizaĵoj, dezirantaj esti membroj en internacia organizaĵo, devas agnoski kaj estimi ties reglamenton.

10. **Raportoj** de komisionoj kaj komisiitoj (la tekstojn bv. legi en venonta IF).
10.1 **Terminara Komisiono**
La gvidanto **Sekereŝ** (YU) raportas. Pledas i.a. por 2 kunsidoj en la kongreso.

**Pr** Aperis nova UIC-leksikono, de kiu ni aĉetis 2 ekz., kiujn ni disponigos al kunlaborantoj en orientaj landoj. Pr insiste petas, direkti la plej gravan laboron en IFEF (kiu donas al nia federacio ekzisto-rajton) al akceptebla kaj atingebla celo. Por tiu giganta laboro necesas pli da aktiveco.

**Pr** prezentas al la asembleo la novan svedan terminareton kun ĉ. 5000 vortoj, verkitan de Harry Bengtsson. Ĉefe pro ĝi li ricevis la FISAIC-medalon. Pr kore dankas al la sveda l.a. kaj speciale al Bengtsson.

**Narvala** (SF) sugestas tradukon resp. multobligon de CIF, CIM ktp, kio tamen estas afero de TK kun financa helpo de IFEF, se eblas.

**Ritterspach** (D) En Germanio eblas aĉeti la novan UIC-terminaron. Mendoj al Sk.

10.2 **Fakprelega Komisiono**
**Ritterspach** raportas (anstataŭ Brandenburg, kiu ne estas en la kongreso).
**Pr** aldonas, ke la tre rekomendindaj "gvidlinioj" por la fakprelega laboro estas haveblaj ĉe Brandenburg. Bv. tie mendi.

10.3 **Junulara Sekcio**
Raportas kromkomitatano **Quietienski** (JS) anstataŭ la gvidantino Merlani, kiu ne ĉeestas pro malsano. Pro tre malmultaj membroj de JS ne eblas elekti novan gvidanton, sed ili deziras labori unu jaron provizore sen gvidanto. Apelacias al l.a., ke ili vigligu la gejunulojn sub 28 jaroj. Atentigas, ke ambaŭ kromk-anoj atingos aĝon de 28 kaj poste ne plu estos reelekteblaj. Se ĝis venonta jaro estas sufiĉe da junuloj ĝis 28 jaroj, eblos elekti novan gvidanton.
Quietienski atentigas, ke en Svedio aperis okulfrapa afiŝo de "Inter-Rail" kun Esperanto-teksto. Petas l.a. fari similan en siaj landoj.
Krome li mencias, ke pere de **Sk** ili ricevis 4 ekzemplojn por varbafiŝo, el kiuj ili elektis unu kiel la plej taŭgan. Ĝi estos sen teksto, do uzebla en ĉiuj landoj.

**Pr** dankas pro la raporto. Vole nevole ni devos akcepti la foreston de f-ino Merlani, kvankam ŝi ne formale demisiis. Ĉar ne ekzistas gvidanto nova, oni neniun povas konfirmi. Mankas posteuloj. Estas unu el la plej gravaj taskoj de la l.a., aktivi gejunulojn, kiuj ja fakte ekzistas ĉe la fervojoj. Atentigas, ke venontjare oni eble nek havos gvidanton nek kromkomitatanojn.

**Horn** (F) **Skisemajno 77** okazos en norda parto de la francaj alpoj en Les Gets (22. - 29.1), 25 km de Genevo, 1100 - 1800 m. alta.

**Sk** prezentas la afiŝoskizojn, faritajn de juna germana grafikisto, de kiuj la junularo elektis unu tre allogan. La kostoj ne estos tro altaj. Ĉu la komitato trovas ĝin necesa kaj taŭga kaj en kiu kvanto?

**Pr** La l.a., kiuj mendos, devos pagi (tamen ne tro altaj). Quietienski kolektos la mendojn. Pr nun petas la k-on voĉdoni pri la decido de JS. La JS restu provizore sen gvidanto dum 1 jaro. Venontjare la JS provu trovi novan gvidanton. Tiam ni decidos pri la estonteco de la Junulara Sekcio.

**Ĉk** intervenas kaj sciigas, ke Merlani ne demisiis laŭ la statuto. Sen gvidanto JS ne povas ekzisti. Unu el la kromk-anoj do transprenu la gvidajn taskojn por tiu ĉi jaro. Kaj se en unu jaro ne ekzistas JS, ĉu valoros havi kromk-anojn?

**Sk** en korespondado kun Merlani sufiĉe frue atentigis ŝin, informi ĈK. Evidente ŝi ne tion faris.

**Quietienski** (JS). Mi devas konjekti, ke f-ino Merlani ne plu povos transpreni siajn taskojn. Pro tio mi provizore transprenis ilin dum la kongreso kaj pretas daŭrigi tion ĝis reelekto de f-ino Merlani aŭ elekto de nova gvidanto.
Pr submetas jenan proponon al la k.o.:
La kromk-ano Quietienski provizore por 1 jaro transprenas la gvidadon de la JS. Li ankaŭ restas kromk-ano kune kun Heimlich.
Voĉdono: 22 por, 4 sindetenas.

10.4 **Komisiono Varbado/Informado**
Raportas Robiolle (F) (Rim: Menciindas, ke en aparta kunsido dimanĉon sub gvidado de Hartig (D) estis kolektitaj multaj ideoj por la laboro de tiu ĉi komisiono).
Voĉdono: 25 por, 1 sindeteno.

**Daŭrigo la 18an de junio.**
Ĉeestas 25 komitatanoj.

10.5 **Raporto de Komitatano A** (UEA)
Raportas d-ro Phersy (H).

**Pr** denove konatigas, ke d-ro Pherzy anstataŭos d-ron Bacskai en UK Ateno.

11. **Konfirmo junulara gvidanto** (vidu sub. 10.3).

12. **Konfirmo Kotizo 1977**
La k-o unuanime konfirmas ne-altigon por 1977.

13. **Kongresproponoj**
**Propono 1** (Aŭstrio)
En diskutado en la unua kunsido montriĝis, ke la propono estas principe akceptinda. Tamen pro la tre diversspecaj cirkonstancoj en la unuopaj landoj rekomendindas jam amendo post la unua frazo de la propono: "IFEF skribu laŭ peto de la respektiva landa asocio" Kun tiu amendo la k-o akceptas la proponon:
per 24 voĉoj por, 1 kontraŭ, 1 sindeteno.

**Propono 2**
traktita post propono 5.

**Propono 3**
akceptita per 25 por, 1 sindeteno. **Sk** lastfoje estis elektebla.

**Propono 4**
La k-o elektis por la kuranta oficperiodo d-ron Phersy (H) anstataŭanto de d-ro Bacskai. Por la venonta trijara laborperiodo de k-ano A (UEA) kandidatiĝas d-ro Phersy. Aliaj kandidatoj ne estas. La estraro petas la k-on elekti lin.
Voĉdono: 25 por, 1 sindeteno.

**Propono 5**
**Pr** ankoraŭfoje klarigas koncize la situacion ekkoneblan el la propono mem. Jen sekvas la protokolteksto el la nepublika kunsido pri tiu ĉi afero:
**Ĉk** detale citas el la abunda korespondado en tiu afero, kiu kondukis ĝis nun al nenio, ĉar la polaj adresitoj apenaŭ aŭ tute ne respondas, precipe s-ro Swistak, PEA. La ĝisnuna IFEF-k-ano Nawrowski redonis sian oficon fine de 1975. PEA antaŭ longe anoncis iun inĝ. Michalski en Varsovio kiel respondeculon por la polaj fervojistoj en PEA. Sed nenio okazis. Ankaŭ Pr kune kun d-ro Bacskai jam antaŭ 2 jaroj intencis esplori la situacion. Mankas ankoraŭ kotizoj de 1974 spite al multnombraj admonoj kaj spite al skriba promeso de Michalski. Tamen niaj polaj membroj pagis ĉiujn tiujn kotizojn, kiuj konsekvence estas kaj restas propraĵo de IFEF. Praktike la ĝisnuna landa asocio ne plu ekzistas. Laŭ statuto § 10 (2) kaj al (1) la komitato nun devas esplori la situacion. En la korespondado ni atentigis la polajn adresitojn, ke IFEF sub tiaj kondiĉoj devos eksigi sian polan l.a. La estraro rekomendas al la k-o, konsenti tian eksigon. Estas memkompreneble, ke IFEF akceptos aliĝpeton de nova pola l.a., se ĝi plenumos ĉiujn respektivajn punktojn de nia statuto. Cetere la agadmaniero de Swistak, kiu ne nur estas prezidanto de PEA, sed ankaŭ estrarano de UEA, kontraŭas la daŭrajn oficialajn klopodojn de UEA, pliintensigi la rilatojn kaj kunlaboron kun la fakaj asocioj (do ankaŭ IFEF). **Ĉk** rekomendas pripensi, ke IFEF reduktu aŭ minimume ne intensigu sian kunlaboron kun UEA tiel longe, kiel Swistak troviĝas en la UEA-estraro resp. la pola afero ne estos kontentige solvita.
Voĉdono pri eksigo: 20 jes, 6 sindetenas.
Tiel la **proponon 2** ne necesas trakti.

**Narvala** (SF) akcentas, ke nia agado ne sin direktas kontraŭ la polaj kolegoj, sed instigu la polajn instancojn agi.

14. **Budĝeto**

**Ks** deklaras, ke nova budĝeto-propono por 76 necesis pro la pli altaj preskostoj kaj afrankoj. Tio signifas plialtigon je 10%. Ankaŭ la propono por 77 devis esti plialtigita pro la daŭre kreskantaj kostoj.

**D-ro Menabene** (I) sugestas forsendi nian IF el Belgio anstataŭ Nederlando por ŝpari afrankojn.

**VP** klarigas, ke ni havas aliajn eblecojn pro la deĵora poŝto kaj helpado de nederlandaj kolegoj.

**Ĉk** ne kontentiĝas pri la budĝeto (komp. 3.4).

**Pr** atentigas, ke ni plialtigis la kotizon antaŭ jaroj por kolekti etan kapitalon, kiu povus helpi nin, elteni iom da tempo sen kotizaltigo. Nun venis la tempo por preni el tiu kapitalo kaj kompreneble en 78 aŭ 79 ni devos plialtigi la kotizon.
Budĝeto akceptita per 23 voĉoj por, 3 kontraŭ.

15. **Estrarelekto**
Rezulto: Prezidanto Giessner 25 voĉoj, Vicprezidanto v. Leeuwen 26, Sekretariino 26, Kasisto Haŭge 26, Redaktoro Delaquaize 25.
La estraro estas reelektita (aplaŭdo).

**Pr** dankas pro la fido, promesas, ke ankaŭ estonte la estraro ĉion faros por IFEF laŭ siaj povoj.

**Pr** salutas la sekretarion de ILEI (E-instruistoj), s-ron Ohlsson kaj substrekas la komunajn celojn.

**Pr** poste demandas la k-on, ĉu ĝi denove delegos la rajton, elekti honorigotajn kandidatojn por FISAIC-medaloj laŭ ĝen. reg. § 3 al la estraro?
La k-o jesas per 24 voĉoj por, 1 sindeteno (1 mankas).

**Pr** demandas, ĉu la k-o eventuale pretus doni al la estraro similan rajton koncerne honoraj membroj? Ĉi kaze la estraro venontjare farus resp. proponon.
K-o jesas per 24 voĉoj.
(Rim: Kompreneble ankaŭ delegoj ne forprenas de iu la rajton mem fari proponojn laŭ la statuto).

16. **Elekto revizoroj**
Laŭ propono 6 Danio estas elektitaj la kolegoj:
A. Klausen, R. Mikkelsen, F.G. Nielsen kaj J. Kensing kiel vicrevizoro per 26 voĉoj por ĉiuj.

17. **Elekto kongresloko 77 kaj kongreslando 78**
**Barks (Britio)** invitas por 1977 al kongrescentro en Swanwick ĉe Derby kaj priskribas ĝin. Dato: 13a ĝis 20a de majo (komenco kaj fino vendredon).

**D-ro Menabene** (I). Antaŭvideble Italio povos inviti por 1978 al Romo. Definitiva decido eblos en ĉ. 2 monatoj.
Ambaŭ invitoj akceptitaj per 26 voĉoj.

**Narvala** (SF) alludas, ke oni provos inviti 79 al Finnlando (aplaŭdo).

18. **Libera diskutado**
**Barks** (GB) proponas, kolekti ne elspezitajn monerojn post kongreso (ekz. en brita haveno). Pripensinda propono por estontaj Lkk-oj iel "savi" por si tiujn monerojn.

**Horn** (F) petas la l.a. serĉi eblecojn por estontaj skisemajnoj.

**D-ro Menabene** (I) kritikas (prave) la nekontentigan viziton de la komisionaj kunsidoj.

**Pr** fermas la kunvenon.

Frankfurt/M, la 10an de julio 1976

Sekretariino — Prezidanto
E. Kruse — J. Giessner

UTILIGU LA KONGRESAN REZOLUCION!

# Resumo kaj komentario pri la jarraportoj de la landaj asocioj de INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO pri la jaro 1975

Pri la jaro 1975 el niaj 20 landaj asocioj 16 ensendis la jarraporton. Mi ne ricevis la raportojn de: Britio, Bulgario, Rumanio kaj Japanio. Mi rimarkas ke Rumanio ĝis nun neniam ensendis jarraporton kaj ankaŭ cetera korespondado kun tiu landa asocio ne estas abunda. Bulgario sendis senkulpigojn ke ĝi ne verkis la jarraporton.

La membrostato pri 1975 montras, denove, malgrandan kreskon de la al IFEF aliĝintaj membroj ĝis 2986, do ĉiam ni ne povis atingi la allogan ciferon 3000. En diversaj landoj estas diferenco inter la nombro de la asociaj membroj kaj tiuj por kiuj estas pagataj la IFEF-kotizo. Speciale en Jugoslavio kaj Hungario tiu diferenco estas granda.

**21. Landaj estraroj, funkciuloj kaj membraro.**

**21.2 Estraroj.** La (verŝajne) multajn ŝanĝiĝojn mi ne povas konstati. Nur ke kelkaj landoj havas malfacilaĵojn trovi la bonvolajn kaj kapablajn funkciulojn. Mankas kelkfoje funkciuloj en la estraro aŭ kunlaborantoj por terminaro k.t.p. Tio signifas pli pezan taskon por la aliaj.
La situacio en Pollando ĉiam ne estas pli klara. La grupo en Gdansk (Nawrowski) nomas sin la nura Fervojista asocio en Pollando. Nia estraro ĝis nun vane klopodis klarigi la situacion.

**21.2 Organoj.** Ne propran organon posedas Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Hispanio, Svedio kaj Norvegio. La aliaj landoj aperigas de 3 ĝis 11 foje ĉiujare propran bultenon, revuon aŭ gazeton.

**23. Evoluo de rilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj.**

**23.3 Rilatoj kun la kulturaj organizaĵoj resp. F.I.S.A.I.C.-sekcioj.**
Mi povas konstati ke en **ĉiuj** landoj ekzistas bonaj rilatoj kun aliaj kulturaj organizaĵoj. Se ne ekzistas F.I.S.A.I.C.-sekcio (Ĉeĥoslovakio, Hungario) tamen estas aliaj organizaĵoj kun kiuj ekzistas bonaj rilatoj. En multaj landoj unu aŭ pli el niaj estraranoj ankaŭ ludas rolon en F.I.S.A.I.C.-sekcio. Kompreneble tiu situacio garantias la plej efikan kunlaboron.

**25. Informado.**

**25.2.0. Publikigo de gazetartikoloj.**
Verŝajne estas malfacile kalkuli la nombron de artikoloj k.t.p. kiuj aperis laŭ instigo de niaj asocioj. Multaj landoj respondas ke ili jes instigis la aperadon de kelkaj artikoloj sed nur malmultaj donas nombron. Altajn ciferojn donas: Danlando (39), Germanio (pr. 50), Jugoslavio (22), Svislando (45).
Francio mencias la artikolojn en la elstara faka revuo "La Vie du Rail".

**25.2.01. Aplikado de la kongresa gazetara servo.**
Ĉiuj landoj respondis: "jes ni uzis ĝin" escepte Ĉeĥoslovakio kaj Svedio.

**25.2.02. Rimarkoj pri la gazetara servo.**

Nur el du landoj – Belgio kaj Jugoslavio – venas la rimarko ke prefere la kongresa bulteno aperu ĉiutage. La aliaj landoj ne havas rimarkojn aŭ elparolas laŭdon.

**25.2.03. Apliko de la kongresa rezolucio.**

Estas ege bedaŭrinda afero ke neniu lando povas mencii iun ajn reagon pri la sendado de la (tradukita) rezolucio. Preskaŭ ĉiuj landoj tradukis ĝin en la nacian lingvon, Svislando eĉ en tri naciajn lingvojn.
Tute ne utiligis ĝin: Norvegio kaj Svedio. Hispanio nur utiligis la Esp. tekston, do ne tradukis ĝin.

**25.2.1. Publikigo de la faka prelego.**

Denove mi devas konstati ke la landaj asocioj ne respondis tiun demandon en la formo (tabelo) kiun ni volonte vidus.
La tabelformo nur utiligis Svedio kaj Svislando.
Preskaŭ ĉiuj landoj sukcesis minimume akiri la mencion de la fakprelego, plejofte en la faka gazetaro, ĉu esperantlingve ĉu nacilingve. Kelkfoje resumo aperis.
Aŭstrio dissendis la fakprelegon al multaj fakaj revuoj kaj al fakuloj persone. Nia organizinta landa asocio havis la sukceson ke ĝi ricevis laŭdon de multaj flankoj.
Germanio sendis la germanlingvan tekston al multaj instancoj i.a. al la fervojaj lernejoj kaj al multaj fakuloj. Ĝi estis publikigita en diversaj revuoj, Esperantlingve kaj Germanlingve.

**25.2.1.1. Aliaj fakprelegoj.**

En Danlando okazis fakprelego dum la fervojista tago en la kadro de la U.K. La temo estis: "Pecaĵtrafiko ĉe D.S.B.". Dum la G.E.F.A.-jarkunveno okazis prelego pri: "Aŭstralio kaj ĝiaj trafikvojoj". En Hungario fakulo prelegis pri la temo: "Laborprotektado ĉe la hungaraj fervojoj". Pollando menciis 3 fakprelegoj en kunvenoj en la grupo Gdansk. En Svislando dum la jubilea kunveno la I.F.E.F.-prezidanto parolis pri: "Ĉu nia vojo estas ĝusta?"
Cetere kelkaj landoj mencias ke oni en lokaj aŭ regionaj grupoj priparolis la fakprelegon de nia IFEF-kongreso en Villach.

**25.2.2. Agadraportoj al fervojaj instancoj aŭ/kaj sindikatoj.**

Pere de la Bulteno informas Aŭstrio fervojon kaj sindikaton; pere de la F.I.S.A.I.C. asocio informas Francio kaj Nederlando la fervojan administradon kaj Germanio la specialan socialan organizaĵon. Cetere la Fervojoj kaj Sindikatoj estas informataj pli aŭ malpli regule en: Danlando, Germanio, Italio, Jugoslavio, Hispanio, Norvegio, Pollando, Svedio kaj Svislando.

**25.2.3. Informado en la deĵorejoj.**

Dek landoj respondas jes, sed tamen estas granda diferenco laŭ metodo: kelkaj asocioj unu- aŭ dufoje jare sendas afiŝojn por pendigi ilin kaj aliaj regule disponigas specialajn informilojn (Danlando) aŭ gazetojn. Ankaŭ ne ĉiam ĉiuj deĵorejoj estas atingeblaj: ofte dependas de membroj kiuj aktive deĵoras en tiu kaj tiu deĵorejo kaj prizorgas la aferon.

**25.2.4. Agado pere de radio aŭ televido.**

En Aŭstrio radio Vieno multfoje elsendis informojn k.t.p. pri nia 27a kongreso en

Villach; en Belgio radio Lieĝo elsendis programon pri Esperanto en kiu kunlaboris nia B.E.F.A. prezidanto; G.E.F.A. mencias radiointervjuon en Dortmund; en Hispanio radio Sabadell raportis pri la skisemajno en La Molina kaj Jugoslavio diras ke radio Zagreb regule donas informojn ankaŭ pri la fervojista Esperanto movado.

**25.3. Ekspozicioj.**
Pri tiu temo ni konstatis grandan aktivecon. Organizis ekspozicion okaze de jarkunveno aŭ alia grava kunveno: Francio, Germanio, Hispanio, Jugoslavio, Hungario, Pollando kaj Svislando. Kunlaboris en ekspozicio organizita de F.I.S.A.I.C. asocio aŭ de sindikato: Belgio, Finnlando, Francio, Nederlando, Norvegio kaj Svedio.
Pri la rezultoj la sciigoj estas ne tiel pozitivaj: multaj vizitantoj, oni faras demandojn, oni montras intereson sed novaj adeptoj ne estas multaj.

**25.4. Distribuado de varbiloj.**
Preskaŭ ĉiuj niaj landaj asocioj utiligis por la propagando la dissendadon de flugfolioj kaj/aŭ varbbroŝuroj. Krome 8 el ili ankaŭ pendigis afiŝojn en deĵorejojn aŭ aliaj taŭgaj ejoj por altiri la atenton por Esperanto. Pri la metodo, efiko, aspekto k.t.p. oni povos diskuti en la varbkomisiono.

**25.5. Jarkunvenoj de la landaj asocioj.**
Pri jarkunveno raportas 15 landoj. Nur Pollando ne povis okazigi jarkunvenon. La entuta nombro da partoprenintoj estis pr. 850. Ĝojiga afero estas ke pli kaj pli eksterlandaj gastoj ĉeestas la landajn jarkunvenojn. Nur en la plej malproksimaj landoj Hispanio, Norvegio kaj Finnlando la eksterlandanoj mankis.
Menciinde estas la "eksperimento" ke Belgio kaj Nederlando komune organizis la jarkunvenon. Rezulto: pli granda manifestacio, oficiala agnosko de urba estraro k.t.p. La du asocioj certe daŭrigas laŭ tiu vojo.

**26. Junularo.**
Aktivecoj en la kadro de niaj landaj asocioj fakte tute ne ekzistas. En kelkaj landoj la junuloj, membroj de I.F.E.F. estas aktivaj en la kadro de la neŭtralaj landaj asocioj (ekz. en Ĉeĥoslovakio kaj Hungario). En Hispanio la junuloj preparis la organizadon de la skisemajno en La Molina.

**27. Varbado.**
Pri tiu aktiveco la landaj asocioj ensendis la apartan demandilon.

**28. Terminara laboro.**
Pri la traduko de la terminoj laŭ U.I.C.-leksikono nun okupiĝas la landoj: Finnlando, Germanio, Jugoslavio, Hungario kaj Svedio; pri la preparado de terminareto: Finnlando, Francio kaj Svedio, krome Ĉeĥoslovakio pri speciala Teknika Terminareto; pri la traduko de internaciaj konvencioj mi notis nur revizian laboron en Francio.
Sugestojn donis al T.K.: Ĉeĥoslovakio, Francio, Germanio, Jugoslavio kaj Hungario.
Aktuala estas la temo: kiel disponigi pli da tempo por kune revizii terminojn ekz.: speciala kunveno inter la kongresoj, tuj antaŭ aŭ post la kongresoj!
Neniuj aktivecoj okazis dum la raportjaro en Aŭstrio, Belgio, Danlando, Hispanio, Italio, Nederlando, Norvegio, Pollando kaj Svislando.
La svisa kolego Bipp kunlaboris en la franca laboro.

**101. Diversaĵoj.**

Aŭstrio: faris multe da laboro por la organizado de la 27a I.F.E.F.-kongreso.
Belgio: kunlaboris en multaj aktivecoj de aliaj Esperanto-organizaĵoj kaj reprezentantoj estis en multaj eksterlandaj okazintaĵoj.
Ĉeĥoslovakio: Menciis kelkajn malfacilaĵojn en la enlanda organizaĵo.
Finnlando: festis la 25-jaran ekzistadon en decembro dum speciala kunveno.
Francio: anoncas la jarkunvenon en Le Mans, la 25/26a de septembro 1976; esperas ke baldaŭ junulo proponos sin por organizi la francan junularon.
Germanio: konstatas ke ne ekzistas sufiĉe da atento ĉe la koncernuloj por instigoj, proponoj k.t.p.
Italio: organizis la 16an skisemajnon en Plan Val Gardena; la ŝtataj fervojoj (F.S.) en Italio daŭrigis la uzadon de Esperanto en oficiala horaro kaj aliaj eldonoj.
Jugoslavio: en Koper okazis la 7a trilanda Konferenco de Esperantistoj el Aŭstrio, Italio kaj Jugoslavio.
Hungario: ankaŭ la Hungaraj Ŝtataj Fervojoj (M.A.V.) daŭre uzas Esperanton en la horarlibro;
oni komencis prilabori historion pri la 30 jara fervojista Esperanto-laboro.
Nederlando: en Zwolle Esperanto monumento estis inaŭgurita;
en Leeuwarden en jam ekzistanta Esperanto-parko estis metita busto de Zamenhof skulptita de nia kolego Blanksma.
Pollando: Esperantoteksto jam de 1959 estas aplikata en la oficialaj horartabeloj.
Svislando: la 16a Eŭropa Ferio Semajno en Fürigen estis (denove) granda sukceso: partoprenis 96 personoj el 13 landoj.

Kaj ĉi tie mi finas mian resumadon el 16 jarraportoj. Atentu bone, mi tute ne parolis pri la landoj kiuj ne ensendis jarraporton.
Por bone havigi impreson pri nia komuna laboro ege necesas ke ĉiuj landaj estraroj prizorgas jarraporton.
Dankante ĉiujn kompilintojn mi elparolas la esperon ke ni ĉiuj bone utiligos ĉi tiujn raportojn.

Amsterdam, aprilo 1976.
la kompilinto: W.L. van Leeuwen

## GRAVA NOTO DE LA REDAKCIO

Pro manko de spaco ni devis prokrasti jenajn materialojn pri la 28-a IFEF-kongreso al la venonta numero:

1. "La 28-a IFEF-kongreso jam forpasis" (redaktora kontribuaĵo);
2. Protokolo pri la kunsido de Fakprelega Komisiono;
3. Protokolo pri la kunsido de Junulara Sekcio;
4. Raporto de la komisiono Varbado/Informado.

# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

## NORVEGIO

Kun plezuro, ni ekscias ke nia antaŭa redaktoro, s-ro Per Johann KROGSTIE, fariĝis Direktoro de la Fervoja Muzeo en HAMAR.
Lia asistanto estas s-ro Kare BYE, ankaŭ el la Norvega Sekcio.
Pro tiu agrabla surprizo, ni gratulas elkore niajn amikojn Krogstie kaj Bye.

La Estraro.

## BELGIO

### DULANDA PRINTEMPA JARKUNVENO EN BLANKENBERGE (Belgio)

Estas nun la tempo de la ĝemeliĝoj; tion faris BEFA kaj FFEA kiuj ĝemeliĝis dum 2 tagoj ĉe la belga marbordo, en Blankenberge.
Pli ol 100 partoprenintoj, inter kiuj ne nur belgoj kaj francoj sed ankaŭ nederlandanoj, britoj, svisino, polino kaj japanino.
La Vic-prezidanto de IFEF kun edzino ankaŭ ĉeestis.
La kongresejo "Duinse Polders" estis granda feriodomo en la proksimeco de la maro kie ĉiuj povis trovi lokojn por dormi, manĝi, danci, paroli, labori, aĉeti, ripozi, ludi . . .
Sabate posttagmeze, aŭtobusoj kondukis la gekongresanojn al "ZWIN", fama birdo-rezervejo, kie vivas en plena harmonio, eĉ sen helpo de ESPERANTO, miloj da birdoj el diversaj specoj.
Post vespera bankedo, venis distra parto kun muziko.
Dimanĉe kunveniĝis la laboremuloj kiuj diskutis pri la problemoj de la movado kaj, poste, la urbestro de BLANKENBERGE honorigis la kongresanaron en belega salono de la urbodomo.
Kaj post la tagmanĝo, estis jam la disiĝo; ĉiuj forlasis la "Duinse Polders" por viziti tre multnombre, la mirindan urbon BRUGGE.
Entute sukcesplena renkontiĝo, tre bone organizita, de BEFA-FFEA responduloj.
Ĝis venonta printempa kunveno en Francio en 1977 – urbo LONGUYON!

La Red.

## ITALIO

### RADIO ROMA – ESPERANTO

C.P. 320
I-00100 ROMA (ITALUJO)

Respondecas kaj legas: d-ro Renato CORSETTI.
Redaktas: d-ro Antonio DE SALVO

Oni **bonvolu skribi al la oficiala adreso de la Radio (RADIO ROMA – ESPERANTO, C.P. 320, I-00100 ROMA, Italia)** kaj ne al privataj adresoj de la prizorgantoj; krome, oni bonvolu indiki ĝenerale "Radio Roma", ne menciante en la adreso la nomojn de la prizorgantoj.

La elsendoj temas pri "Novaĵoj el Italujo", "Kuriero de Esperanto" kaj "Leterkesto" (korespondado kun la aŭskultantoj).



## INVITOJ AL . . .

**– la SKISEMAJNO 1977.**
La 18-a IFES estos organizata de la Franca Fervojista Esperanto-Asocio en LES GETS (francaj alpoj) de la 22-a ĝis la 29-a de januaro 1977.
Pliaj informoj aperos en venontaj bultenoj.
La nombro de la partoprenontoj estas limigata je proksimume 55.
Jam nun, vi povas peti informojn al: Gérard HORN, 16, rue Denis PAPIN, F. 93250 VILLEMOMBLE. Francio.

**– la Eŭropa Ferio-Semajno en SVISLANDO.**
La 17-a E.F.S. okazos de la 12-a ĝis la 18-a de septembro 1976 en MAGLIASO, ĉe la lago de LUGANO. Anoncojn bonvolu adresi per poŝtkarto aŭ letero al s-ro Ernst GLÄTTLI, SAEF-sekretario, Laurstrasse 17, CH-5200 BRUGG, Svislando.

**– la Ĉeĥa jarkunveno.**
Fervojista Sekcio de ĉeĥa Esperanto-Asocio invitas vin por partopreni sian jarkunvenon, la 4-an kaj 5-an de Septembro 1976 en Moravio, urbo PŘEROV.
Precizajn informojn mendu ĉe: František MARKL, ul. S.K. Neumana 359. 560 02 ČESKÁ TŘEBOVÁ, Ĉeĥoslovakio.

## NEKROLOGO

**GERMANIO**

denove perdis membron

**Willi Rothmann**

longjara membro de la grupo Karlsruhe mortis la 30an de majo 1976.
Ni konservos al li bonan rememoron kaj kondolencas al la familianoj.

---

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



---

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.